


*KUN LITERATURA ALDONO*

**„LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ“**

*OFICIALA ORGANO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ*

*KAJ DE*

CENTRA ASOCIO

BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.):

***Praha*** (Bohema Propaganda Societo Esperantista), ***Praha*** (Ligo: Bohema Asocio Esperantista), ***Praha*** (Klubo), ***Praha*** (Akademia Esperanto-Klubo). ***Praha*** (Klubo de Bohemaj Kelneroj-Esperantistoj). ***Praha*** (Studenta Rondeto), ***Praha*** (Ŝtelo de Espero), *Praha VII.* (Laborista Klubo). ***Praha*** *VIII.*, ***Karlín*** (Klubo), *Karlín* (Studenta Rondeto), ***Smíchov, Kr. Vinohrady*** (Klubo), ***Kr. Vinohrady*** (Rondeto), ***Žižkov, Plzeň*** (Klubo). ***Plzeň*** (Laborista Klubo), ***Č. Budějovice, Kukleny, Prosek, Hradec Králové, Praskačka, Osek u Rokycan, Mladá Boleslav, Trutnov, Kolín, Písek, Hostomice, Jaroměř, Pardubice, Klatovy, Kardašova Řečice, Nebahov-Prachatice, Hořovice, Tábor, Vsetín, Soběslav, Český Brod, Lhota Šárová, Nové Dvory, Nová Paka, Roudnice, Choceň, Kutná Hora, Železný Brod, Vídeň.***

**Redaktoro: Ed. Kühnl.**

**PRAHA.**

**III. 1909.**

**Presejo de K. Pitter kaj Národní Tiskárna en Praha.**

Cena 30 hal.

# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ

s literární přílohou

## „Legolibro de bohemaj Esperantistoj“

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de CENTRA ASOCIO**

**BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.).**

**Prezid.: Jan Hradil. Sekr.: Karel Procházka. Kas.: F. K. Svačina. Praha I., 342. Kavárna „Union“.**

B. U. E. sdružuje spolky esperantské v těchto místech:
P. U. E. unuigas sekvantajn esperantajn societojn:

PRAHA (klub)
PRAHA (Asocio, ligo)
PRAHA VIII.
PRAHA (stud. rondeto)
PLZEŇ (klub)
PLZEŇ (laborista klubo)
Č. BUDĚJOVICE
HRADEC KRÁLOVÉ
KUKLENY
PRASKAČKA
OSEK U ROKYCAN
BRNO
PROSEK
MLADÁ BOLESLAV
TRUTNOV
MINICE
LIBEREC
PÍSEK
HOSTOMICE
JAROMĚŘ
PARDUBICE
KRALUPY
ČESKÝ BROD.
KLATOVY
KARDAŠOVA ŘEČICE

---



---

1909 **LEDEN. — JANUARO.** III. 1.

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA**

# Časopis Českých Esperantistů

s literární přílohou

# „Legolibro de Bohemaj Esperantistoj“

vychází 10krát ročně (kromě srpna a září). : eliras monate (krom aŭgusto kaj septembro).

Redaktor: **Ed. Kühnl.**

Předplatné (ročně 3 K pro Rakousko, Fr. 3·75 pro cizinu), a vše týkající se časopisu, buďiž zasláno pouze na adresu: „Časopis Českých Esperantistů“, Praha II.-2023, Dittrichova ul. 7. Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk. Netištěné rukopisy se vrátí, byla-li přiložena známka; pracem původním dána přednost. Abonpago, akceptata por almenaŭ unu jaro (Fr. 3·75 = 1.50 Sm por fremdlando, 3 K por Aŭstrio), kaj ĉio, kio koncernas la gazeton, estu sendata nur laŭ la adreso:

**„Časopis Českých Esperantistů“ en Praha II.** (**Bohemujo - Aŭstrio**), II.—2023, Dittrichova ul. 7.

La redakcio rezervas por si la rajton korekti la manuskriptojn por la preso; la nepresitaj manuskriptoj estos redonitaj, se oni almetis poŝtan markon. Originalaj artikoloj estos ĉiam preterataj.

Účet poštovní spořitelny 93.281.

*** ***

## BIBLIOTEKO DE „ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ“.

ED. KÜHNL. N-o 1. PRAHA.

**PRAHA: Ilustrita gvidlibro por turistoj.**

(44 bildoj, 63 paĝoj.) PREZO: 60 heleroj afr. (25 Sd).

N-o 2.

Právě vyšlo:

**Deveno kaj historio de Esperanto.**

Modela legolibro por kursoj esperantaj.

Prezo afr. 60 hel. (fremdlande: 3 respondkuponoj.)

!! V NEJBLIŽŠÍCH DNECH VYJDE !!

N-o 3.

**METHODA KÜHNLOVA: ÚPLNÁ METHODICKÁ UČEBNICE ESPERANTA PRO ŠKOLY A SAMOUKY.**

**(Mluvnice, systematický slovník, čítanka.)**

Cena: 2 kor. (váz. K 2.40.)

# OBSAH — ENHAVO.



* *



* *



---

*Redakce „Časopisu Českých Esperantistů“ vydala:*

## „BIBLIOTEKO DE ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ“.

N-o 1. **Praha, ilustrita gvidlibro por turistoj.** 44 obr., 63 str. — Cena 60 hal. Vyznamenáno **první cenou** v literárním konkursu Universala Esperanto-Asocio u příležitosti V. Světového Kongresu Esperantistů v Barceloně 1909.

N-o 2. **Deveno kaj historio de Esperanto.** Letero pri la deveno de Esperanto. Paroloj de Dr. L. L. Zamenhof en la kvar kongresoj esperantistaj. Pri evolucio de Esperanto. Literaturo. Deklaracio pri Esperantismo. Himno esperantista. 31 str. — Cena 60 hal.

N-o 3. **Methoda Kühnlova: Úplná methodická učebnice Esperanta pro školy a samouky,** zpracovaná na základě Zamenhofova „Fundamento de Esperanto“ a schválená zkušební komisí Ústředního Svazu BOHEMA UNIO ESPERANTISTA. II. vydání dopl. Obsah: Gramatika. Konversace. Systematický slovník. Čítanka. Deveno kaj Historio de Esperanto. Klíč Esperanta se slovníkem. — Cena K 2·40 v celoplátěné vazbě.

N-o 4. **Jarlibro kaj Oficiala Adresaro de CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA.** Prezo kun enskribo 40 hel.

**Neutrální jazyk mezinárodní Esperanto** a způsob naučiti se mu bez učitele čtením krátké povídky. (Čefeč). 36 str. — Cena 10 hal.

**Klíč Esperanta** (Čefeč). 24 str. — Cena 5 hal.

* *

**Propagační list** (vyd. Bohema Propaganda Societo Esperantista), obsahující na 4 stranách přehled rozvoje a mluvnice Esperanta. 6. vyd. - Cena 1 hal.

**Propagační nálepky B. U. E.:** 50 kusů — 30 hal. vypl.

**Kollekce kongresních publikací.** Cena K 1·20.

**Propagační obálky:** 50 kusů — 40 hal.

**Odznak Esperantistů:** 70 hal.

**Esperantské pohlednice** (s pohledem na Prahu) **à 6 hal.,** kolorované à 10 hal. — Podobizna Dr. L. L. Zamenhofa à 5 hal.

**Schránka na pohlednice.** Cena 80 hal.

* *

Zamenhof-Kühnl: **Fundamento de Esperanto** (české vydání). 1 kor.

**„Časopis Českých Esperantistů“** ročník I., II, III. po 3 K vypl.

---

# PARTO OFICIALA

*enhavas artikolojn, avizojn k. t. p. de B. U. E., kies komitato redaktas ĉi tiun rubrikon. Demandojn kaj informojn adresu: „Bohema UNIO Esperantista“ (Al sekretario s-o K. Procházka) Praha I.—342. Esperanto-Kafejo „Union“ Ferdinandova tř. 29.*

ÚSTŘEDNÍ SVAZ ČESKÝCH ESPERANTISTŮ

## BOHEMA UNIO ESPERANTISTA

CENTRA ASOCIO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

B. U. E.

Por novaj abonantoj de nia gazeto ni rememorigas, ke en la nunjara programo de B. U. E. estas kiel ĉefpunkto

*I. KONGRESO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ*

kiu estos kvazaŭ revuo de niaj vicoj kaj fonto de planoj por plua propagando. Pli detala programo kaj fikso de tempo estos pritraktitaj en ĝenerala kunveno de B. U. E., kiu baldaŭ okazos. La komitato petas, ke oni sendadu al ĝi proponojn, konsilojn kaj petojn rilate la aranĝon de tiu ĉi manifesto.

Alian tre urĝan entreprenon anoncas B. U. E. al esperantistaro bohema kaj eksterlanda: baldaŭan eldonon de **Bohema Jarlibro Esperantista** (pli frue Faukner-Adresaro). Enskribo kun abono 40 hel. Interesuloj petu pli detalajn informojn.

**Propagando.** Je anonco en bohemaj gazetoj, ke la kancelario de B. U. E. sendos al ĉiu interesiĝanto ŝlosilon kun informa folio (kontraŭ 5-hel. poŝtm.) alvenis dum tri semajnoj preskaŭ 400 petoj el plej diversaj landoj de Aŭstrio kaj ankaŭ el eksterlando. — Sekretario de B. U. E. faris propagandajn paroladojn en N. Bydžov, Hradec Králové kaj Česká Bělá.

**Ekzamenoj.** Dum la tria termino (26., 27. de decembro 1908) plenumis elementan ekzamenon s-o ***Frant. Svingr***, instruisto en Strašice, superan

f-ino ***Máša Melicharova*** el Hradec Králové,
s-o ***Antonín Horák***, i. r. poŝta kontroloro en Olomouc,
s-o ***Bedřich Tytl*** el Plzeň.

Ĉiuj nomitaj sukcesis tre bone. — Proksima termino de la ekzamenoj estos anoncita per ĉiutagaj jurnaloj. Oni petu la ekzamenan regularon.

**Preso.** Redakcio de bohema enciklopedia vortaro „Ottův Slovník Naučný", eldonanta komplementojn al sia grandega, antaŭ nelonge finita verko, enpresis sub titoloj „Esperantismus", „Esperantista" kaj „Esperanto" artikolojn redaktitajn de B. U. E., kiuj ampleksas preskaŭ tri kolonojn. Estus dezirinde, ke ĉiuj nacioj havu en siaj enciklopedioj tiel detalajn informojn pri nia lingvo. — Tre signifa por propagando de Esperanto en nia nacio estas decido de multe legata revuo „Besedy Sokolské" aranĝi regulan rubrikon pri Esperanto. Interesa estas argumento, kiun skribas redaktoro s-o Rud. Novák — ĝis tiam ne Esperantisto — el propra iniciato petante, ke B. U. E. prenu sur sin la redaktadon de tiu ĉi rubriko: . . . „Nia gazeto la unua inter Sokoloj volas malbari la vojon por Esperanto . . . Estraro de „Svaz Slovanského Sokolstva" (Unio de Slavaj Sokoloj) scias kaj ankaŭ parolas serbe en siaj kunvenoj kaj scias la ceterajn lingvojn, sed tie ĉi oni devas konsideri, ke tuta Sokolaro malfacile povas ellerni lingvojn ĉiujn, mankas eble por tio tempo kaj okazo. Tiurilate — mi juĝas kaj estas konvinkita — Esperanto faros bonegan servon por interslavaj rilatoj, ĉar pro simpleco de ĝia strukturo ĉiu facile ĝin povas ellerni . . ." Unua numero de suprenomita revuo surprizis siajn legantojn per luksa aldono — bildo prezentanta la kunvenon de bohemaj Sokoloj kun japanaj Esperantistoj. — B. U. E. redaktis surmuran kalendaron boheman-esperantan, eldonitan de gazeto Zoologia Ĝardeno Praha.

**Korespondado.** Al ĉiuj kunigitaj kluboj sendis la komitato dum januaro po ekzemplero de presfolio el Ottův Slovník, unuan n-on de Besedy Sokolské kaj esperantan surmuran kalendaron. — Laŭ protokolo estis akceptitaj kaj forsenditaj dum jaro 1908 entute 3363 leteroj.

**Bilanco** je fino de jaro 1908:

| | |
|---|---|
| Enspezoj . . . . . . . . . . . . . | 367·36 K |
| Elspezoj . . . . . . . . . . . . . | 330·80 K |
| Resto 31/12 1908 . . . . . | 36·56 K |

## PARTO NEOFICIALA.

# PRI UNU INTERESA PROVO KOMPENSI LINGVON INTERNACIAN.

En la jaro 1877 aperis en Č. Budějovice verketo „Etymology", skribita de Adolf Fr. Storch. Tiu libro, kiel jam ĝia sub-

titolo „Ersatzmittel für eine Weltsprache“ montras. estas prilaborita propono. anstataŭigi la vortojn per numeroj kaj ebligi tiamaniere le reciprokan komprenon inter diversnacianoj, kompreneble nur en la skribaj rilatoj. La aŭtoro mem klarigas la celon de la verketo en kvarlingva (germana, itala. franca, angla) antaŭparolo tiamaniere:

Unu lingvo, komprenata en la tuta universo, estus tre utila por la sciencoj, komerco, interkomunikado k. t. p. La filozofoj faris jam pli ol unu provon krei lingvon internacian, sed neniam ili alvenis al la celo.!

Estas ĉiam bezone, ke la vojaĝisto aŭ komercisto rilatanta kun landoj, kie oni parolas fremdan lingvon, ellernu tiun-ĉi lingvon, aŭ uzu interpretiston, kiam li troviĝas en tiu-ĉi lando.

Por venki tiujn ĉi malfacilajojn kaj doni ekvivalenton, la aŭtoro elpensis unu metodon, uzante nombrojn anstataŭ vortoj kaj ideoj.

Oni supozis. ke mil kvincent vortoj ĉirkaŭe sufiĉus por ĉiuj okazintaĵoj de la vojaĝo. hotelo. poŝto, telegrafo. k. t. p., kaj oni aranĝis la aferon tiamaniere, ke apud ĉiu vorto troviĝas numero, kiun oni retrovas en diversaj lingvoj apud samsignifaj esprimoj. Ekz. por la vorto „défilé“ (intermonto); ĝi estas lokita apud la numero 328 kaj la sama numero troviĝas en la germana vortareto apud la vorto „Engpass“, en itala apud „stretto“. en angla apud „defile“.

Estas klare, ke ekz. Franco komprenanta nek germanan, nek italan, nek anglan lingvojn. facile povas sin komprenigi al ĉiuj parolantoj de la nomataj lingvoj.

Li serĉas simple en sia listo kaj notas la numeron de la vorto; Germano, Italo. Anglo serĉas en siaj vortaroj la saman numeron kaj trovas la respondan vorton. Sed por povi tuj respondi, la vortoj estas alfabete ordigitaj en dua listo, kaj sufiĉas do nur la numero por la korespondanto.

Tiamaniere ĉiu korespondado estus oportuna kaj facila.“

La vortaro enhavas vere nur 1490 esprimojn. Kompreneble en la germana parto la numeroj estas en plena agordo kun la alfabeto; tial sufiĉas nur unu parto.

Ekzemplo:

| | |
|---|---|
| 787 Lachen | 792 Lampe |
| 788 Lachs | 793 Land |
| 789 Ladung | 794 Landen |
| 790 Lager | 795 Landenge |
| 791 Lamm | 796 Landgut k. t. p. |

La ceteraj jam bezonas du partojn:

Fragmento de franca vortaro:

| Unua parto: | Dua parto: | |
|---|---|---|
| 1 soir | à . . . . . . . . . . | 26 |
| 2 souper | aborder . . . . . | 794 |
| 3 départ | accident facheux . . | 1359 |
| 4 expédier | accrocher . . . . . | 331 |
| 5 impôt | achat . . . . . . . | 714 |

k. t. p.

Estas videble, ke tiuj ĉi vortaretoj ne povus sufiĉi, precipe por preciza esprimado de ideoj, ĉar tiu ĉi speco de interkomprenilo absolute ne konas deklinacion, konjugacion, artikolon k. t. p. Tamen tiu ĉi libreto estas interesa por ni tial, ke ĝi eliris en Bohemujo, kaj ke la aŭtoro tiel vive sentas la bezonon de internacia helplingvo, aŭ, pli bone dirite, li sentas la malfacilajojn kaŭzatajn per la diverseco de lingvoj.

La libro estis presita ĉe Fr. Zdarssa, presejo en Č. Budějovice.

*Voĉo.*

*K. Vaníček.*

# BOHEMA GIMNASTIKA SOCIETO „SOKOL".

Ĝi estis en jaro 1862, kiam je iniciato de kelkaj noblaj viroj kunvenis areto da 70 membroj por fondi en Praha societon gimnastan, kiu celadus konservon kaj pligrandigon de forto, kaj kiu plue per hardado de korpo kreadus firmajn karakterojn. Hodiaŭ post kvardek jaroj kalkulas la bohem-slava Sokolaro pli multe ol sep cent unuiĝojn konsistantajn el 70.000 membroj krom la 7000 membroj de virinaj grupoj, 11.000 da junuloj metiistaj (de 14 ĝis 18 jaroj) kaj preskaŭ 12.000 da gelernantoj.

De kie tiu ĉi miriga elkresko? Tion oni devas aljuĝi unuavice al nobla ideo esprimita en fundamenta tezo de regularo, laŭ kiu „c e l o d e l a s o c i e t o e s t a s e d i f i a n i m a j n k a j k o r p a j n f o r t o j n d e b o h e m a p o p o l o." poste en tio, ke la societoj sokolaj estante malproksimaj de ĉiu profitemo sekvis sole la noblajn idealojn de l i b e r e c o, e g a l e c o k a j f r a t e c o. Tiu ĉi principo estas karakterizata ankaŭ ekstere per tio, ke la membroj de societo nomas sin „fratoj" kaj alparolas unu la alian per „ci". En la unuiĝoj ekzercas la membraro regule trifoje dum la semajno en vesperaj horoj, dum la ceteraj tagoj sin ekzercas la virinoj, la junularo kaj gelernantoj Oni ekzercas sur kutima ilaro de eŭropaj gimnastikaj unuiĝoj laŭ spritplena sistemo de d-ro Miroslav Tyrš, unu el fondintoj de „Sokol". Propran gimnastikejon havas 104 unuiĝoj, la ceteraj ekzercas parte en la lernejoj, parte en domoj luprenitaj. Vigla,

freŝa movado de ĝoja celkonscia laboro regaŝ en ĝimnastikejo resonanta ĉe vicaj komunekzercój per kántado de naciáj marŝkantoj. Post tempo grupiĝis la u n u i ĝ o j sokoláj en regionaj asocioj, kiuj poste koncentriĝis en la plej alta centro „B o h e m a U n i o S o k o l a". Samregula direktado el tiu ĉi centro montriĝas eksteren per samformaj festa kaj ekzerca kostumoj, komuna regularo kaj entute per ĉio, kio ligas reciproke la membrojn kaj la unuiĝojn.

Mirinda libervola disciplino reganta en vicoj sokolaj klarigas suksecojn ŝajne nekompreneblajn, kiujn atingis tiu ĉi kuniĝo de fratoj, celanta komunan ideon — bonon de nacio kaj de patrujo.

Plej bona mezurilo de tiuj ĉi sukcesoj estas l a k o n g r e s o j akompanataj de publika ekzercado de aktiva membraro. Ĝis nun estis aranĝitaj kvin kongresoj, kies sukcesojn montras sekvanta statistiko:

I. 1882. partoprenantoj kostumitoj 1600, ekzercantoj 700.

II. 1891. kostumitoj 5600. ekzercantoj 2500.

III. 1895. kostumitoj 7366, ekzercantoj 4271, junuloj 700.

IV. 1901. kostumitoj 11.000, ekzercantoj 6705, virinoj 867, junuloj 1988.

V. 1907. kostumitoj 12.770. ekzercantoj 7800. virinoj 2400, junuloj 500, lernantoj 1800.

De tridek jaroj ekligis la bohem-slava Sokolaro amikajn interrilatojn fakajn kun francaj gimnastoj kaj kiam estis fondita internacia ligo de gimnastaj unioj eŭropaj (krom germanaj), ankaŭ kun la ceteraj membroj de tiu ĉi unio, ĝi multnombre partoprenis internacian vetekzercadon en Praha (1907), el kiu malfacilega konkurado eliris la vetgrupo bohema kiel „unua premiito".

La konservado de frataj rilatoj kun Sokolaro de ceteraj Slavoj, estas komprenebla, ĉar la bohem-slava Sokolaro iniciatis ja fondigon de sokolaj unuiĝoj ĉe Poloj, Slovenoj kaj Kroatoj en Aŭstrio, ĉe Serboj kaj Bulgaroj balkanaj, lastatempe ankaŭ en Rusujo, kien multaj disciploj de bohemaj sokolaj unuiĝoj foriris kiel instruistoj pri gimnastiko en gimnazioj kaj realaj lernejoj. Estas citinda, ke a m e r i k a j Bohemoj havas ĉirkaŭ cent unuiĝojn sokolajn, flanke de kiuj ekzistas ĉirkaŭ 120 slovakaj kaj multe da polaj, kroataj kaj slovenaj.

La klerigadon helpas multaj unuiĝaj b i b l i o t e k o j havantaj je 80.000 da volumoj, poste oftaj p a r o l a d o j (meznombre 2000 jare), ĝentilan amuzadon servas diversaj distraĵoj, precipe la famaj „šibřinky" (m a s k a b a l o) spicataj per sana humoro kaj sprito. Dum somero havigas oftaj m a r ŝ e k s k u r s o j al membraro unuflanke agrablan ĝuadon de naturo, aliflanke fortikan hardadon per daŭra marŝado.

La tasko de sokolaj unuiĝoj estas bonfara, la edukado vireca, procedo senescepte honesta. Ili estas lernejo por sano kaj forto, persisteco kaj disciplino, la bohema nacio havas en ili pretekton pruvitan.

Na zdar! *)

# REMBURITAJ HOMOJ.

Kvankam la sento protestas senhaŭtigi homon post lia morto, la haŭton prepari kaj remburi, tamen tio estis okazinta refoje en la interspaco de 1796 ĝis 1808. La unua mortemulo, kies haŭton oni rembuis, estis Angelo Soliman, homo en Vieno bone konata, kiu havis amikojn en altaj kaj eĉ plej altaj rangoj. Kiel filo de la reĝo de Pangusitlando, de la hodiaŭaj geografiistoj nekonata, ĉar jam antaŭ longa tempo malaperinta afrika ŝtato, li estis naskita en jaro 1721 kaj nomata Mmadi Make: dum unu atako de malamikoj je lia gento li estis fortrenita en kaptitecon kaj apenaŭ sepjara, li estis vendita al unu sklavkomercisto, kiu uzis lin dum longa tempo por gardado de siaj kameloj, sed poste li vendis lin en Mesinon en Sicilio al unu tre riĉa sinjorino, kiu aĉetadis la negrajn sklavojn por ilin kristanigi. Inter ŝiaj sklavoj troviĝis ankaŭ malgranda negrino same princenaskita, kiel Mmadi Make. Ŝia nomo estis Angelino, kaj ŝi vere estis dolĉa kvazaŭ anĝelo. Ŝia influo je la sovaĝa kaj malica Mmadi Make estis jam de unua momento tre granda, sed tamen ŝi ne sukcesis kristanigi lin. Nur kiam li estis malsanega, li diris al Angelino, ke li deziras esti baptita kaj je ŝia honoro akcepti la nomon Angelo. Lia deziro estis tuj plenumita kaj oni donis al li ankoraŭ la alnomon Soliman, kiun li portis ĝis la fino de sia vivo. La juna negreto resaniĝis, kaj montriĝis kiel tiom ĝentila kaj inteligenta homo, ke la imperiestra generalo princo Georgo Kristiano de Lobkovic, kiu tiutempe okupis Sicilion en nomo de l' imperiestro Karlo VI, je la ĝentila paĝio preskaŭ enamiĝis kaj tiom longe la markizinon petis, ĝis ŝi transdonis al li la negron. Kun sanganta koro, rakontis Angelo ofte al germana poetino Karolino Pichler, amikiĝinta kun li, li estis forlasinta la domon de sia protektantino, ĉar li amis Angelinon. Tial estis agrable al li, kiam la militaj ekmovoj en Italujo rekomenciĝis, kaj li trovis okazon, kiel ĉiama akompananto de princo Lobkovic, jeti sin en la batalbruegon. Li batalis kun vere heroa kuraĝo kaj gajnis tiom da merito precipe kiel ordonoficiro, ke generalo Lascy volis submeti al li unu kompanion. Sed li rifuzis tiun ĉi distingon, kiel ne taŭgan por sklavo,

---

*) Saluto de Sokoloj (deziro de sukceso).

kaj akceptis kiel rekompencon de siaj militaj ecoj nur belegan turkan sabron.

Lia plej alta bieno estis estimo kaj amikeco je princo Lobkovic, al kiu li en Italujo savis la vivon. Estas sufiĉe strange, ke li ricevis pro tio nur rekompencon, kaj ne liberecon, kio estus estinta ĝusta. Ŝajnas eĉ, ke la princo de tempo al tempo traktis lin kiel „objekton", ĉar kiam li mortis en la jaro 1753, li testamentis „sian" Angelo Soliman al princo Venceslao Liechtenstein. Tiu ĉi glora batalisto havis jam tiom altan komprenon por homaj rajtoj, ke li lasis al Angelo la liberan volon alveni al li aŭ ne. Soliman decidis tuj iri, faris kun Venceslao Liechtenstein grandajn vojaĝojn kaj restadis okaze de la kronigo de Jozefo II je roma reĝo en 1764 ankaŭ en Frankfurt s. M., kie li tiam fariĝis tagheroo pro sia granda ludfeliĉo. Li gajnis en unu el la publikaj faraobankoj dum unu tago 20.000 guldenojn, kaj kiam li proponis reludon al sia kunludanto, denove 24.000 guldenojn. Sed poste li gajnis de sia kontraŭulo, al kiu li proponis novan reludon, la lastan sumon, tiel ke li akiris la estimon de ĉiuj, kiuj alrigardis la ludon. Sed la kunludinto ploris pro ĝojo kaj laŭdegis la noblan nigrulon, kiu post tiu tempo neniam tuŝis kartojn; li ludis nur ŝakon, kie li atingis plej grandan majstrecon.

La 21an de Novembro 1796 atako de apopleksio sur la strato finigis subite lian vivon. La tuta Vieno malĝojis pro li, kaj imperiestro Francisko deziris havi tiun ĉi memorindan homon korpe en sia nove fondita naturajkabineto. La familio de la mortinto konsentis kun imperiestra deziro, kaj la skulptisto Francisko Kristiano Thaler, Tirolano, faris gipsbildojn de liaj vizaĝtrajtoj kaj membroj, kaj komencis tuj prepari kaj remburi la malvivulon. Li plene sukcesis en sia verko, kaj la tuta Vieno alfluadis por miri la bopatron de unu i. r. kortkonsilanto, ekspoziciitan en unu vitra ŝranko malantaŭ silkaj kurtenoj. Io simila vere ĝis nun ne ekzistis, kaj Ernesto de Feuchtersleben estis eble la sola homido, kiu vidis tiom naturfidelan bildon de sia avo.

Tamen Angelo Soliman ne estis plu, en la tempo, kiam lia nepo povis miri je li, la sola remburita homo en Viena naturajkabineto. Li havis jam de longe societon. La unuan fojon, en jaro 1798, oni apudstarigis unu apenaŭ sesjaran nigrulinon, kiu estis remburita je ordono de la reĝino Mario Karolino de Napolo, kaj tuj donacita al ŝia nevo imperiestro Francisko en Vieno. Kaj denove post du jaroj estis la mortinta mulato Miĥaelo Angiola, antaŭe bestogardisto en Schönbrunn'a bestejo, preparita kaj bone remburita por la Venizano Filipo Agnello, kaj en la naturajkabineton metita. Sidante sur kamelo kaj tenante per ambaŭ manoj bate levitan ponardegon, li estis tre bela, sed tamen ne tiel

forta, kiel la nigrulo Josefo Hammer, kiu post sia morto, okazinta en 1808, bone preparita eniris la diritan kabineton. Havante blankan orientan kapveston sur la kapo, zonon el ruĝaj kaj blankaj strutplumoj ĉirkaŭ la korpo, bataipreparita, li estis, oni diras, simbolo de energio kaj inter la remburitaj „reprezentantoj de la homa raso" la plej interesanta aperaĵo.

Nun neniu scias, ĉu ekzistis intenco plimultigi la nombron de ĉi tiuj reprezentantoj, kaj same ne estas konate, kial estis la ekzistintaj unu tagon de siaj lokoj forprenitaj kaj transportitaj en unu magazenon sub la tegmento: sed estas certa fakto, ke la homremburaĵoj estis forbrulitaj la 31an de oktobro 1848, kiam okazis la bombardado de Vieno de Windischgraetz: la malbone celintaj kanonistoj ekbruligis ankaŭ tiun ĉi parton de la kortego, kie troviĝis la naturaĵkabineto. Post tiu tempo, almenaŭ en Eŭropo, neniu homo plu estis remburita.

*El germana lingvo tradukis Voĉo.*

# PŘEHLED.

Úspěchy, jichž dosáhlo Esperanto za rok právě minulý, jsou daleko větší, než bylo lze očekávati: Ve všech zemích světa, ve všech vrstvách společenských a ve všech oborech lidské práce došlo Esperanto správného pochopení a praktického upotřebení. Pokud vnitřní činnosti se týče, třeba vzpomenouti na prvním místě IV. Kongresu v Drážďanech, největší to dosud manifestace Esperantistů, již věnována pozornost i se strany vynikajících korporací a států. „Lingva komitato" — výbor zvolený dr. Zamenhofem na prvním kongresu v Boulogne sur Mer — byl loni reorganisován jmenováním 18členného užšího výboru „Akademio" (z celkového počtu as 90 členů), jemuž předsedá E. Boirac, rektor dijonské university. Sekretariát této nejvyšší jazykové instance („Centra Oficejo" v Paříži) vydává statistický měsíčník „Oficiala Gazeto", uveřejňující nejnovější data o hnutí esperantském. Podle posledního čísla tohoto časopisu existovalo 5. prosince 1908: Spolků propagačních *1170* (přibylo za poslední měsíc: 40), odborných *126*, konsulátů *299*. V jednotlivých zemích jeví se snaha užší organisace sdružováním spolků v národní svazy (v Předlitavsku ústřední svaz „Bohema Unio Esperantista", v němž soustředěno 25 spolků), které namnoze vydávají vedle oficielních listů propagačních i listy určené výhradně pro zprávy spolkové, jako na př. ve Francii, v Anglii a ve Spojených Státech, které rozděleny jsou v několik okresů. Těžiště veškeré činnosti spočívá však ve spolcích, které tiskem, přednáškami, kursy a slavnostmi všestranně a neúnavně Esperanto propagují. Význačnějšími body jsou národní kongresy,

které jsou pořádány postupně v jednotlivých zemích. Propagační práce některých stoupenců naší myšlénky neomezuje se pouze na jedno místo: mnozí z nich podnikají daleké cesty, jako na příklad Esperantista ženevský Edmund Privat, který strávil léto na cestě Spojenými Státy a vzbudil v čelnějších městech svými přednáškami obrovský zájem pro Esperanto. Stejně pracoval prof. Christen ve městech anglických. S uspokojujícím výsledkem plnily svůj úkol známé Čefečovy „klíče Esperanta" (po 5 hal.) obsahující krom úplné mluvnice dosti podrobný slovník; statisíce těchto knížek vyšlo již ve 13 různých jazycích. Stejně třeba poukázati na značný rozvoj periodické literatury: během posledního roku se počet časopisů téměř zdvojnásobil. Vycházelo v letech:

| | 1904 | 1905 | 1906 | 1907 | 1908 | 1909 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Propagačních časopisů . | 13 | 15 | 17 | 18 | 30 | 51 |
| Odborných (Esp.) . . . | 6 | 7 | 10 | 11 | 14 | 25 |
| | 19 | 22 | 27 | 29 | 44 | 76 |

Zvláště přírustek odborných časopisů dává na jevo, jak pomocná řeč vniká do různých specielních odvětví. Dle nejnovější statistiky (pros. 1908) jest již 126 spolků, které užívají ku stykům zahraničním Esperanta: spolky ty jsou: politické, náboženské (30), vědecké, umělecké (16), průmyslové, obchodní (34), sportovní (7) a různé jiné (39).

Na poli vědy třeba zmíniti se o působení svazu „Internacia Scienca Asocio", jejíž tajemník prof. de Saussure navrhl pomocnou jednotku peněžní „spesmilo" (přijatou a užívanou již Esperantisty ve všech zemích).

Věstník tohoto vědeckého sdružení podává plán prací směřujících k doplnění odborných slovníků technických. Mnohé z těchto specielních publikací vyšly do loňského roku: Slovník anatomický, technický, terminologie fotografická, hudební, filatelistická a námořní.

Disertace doktorská o Esperantu byla přijata komisí pařížské lékařské stolice.

V obchodu a průmyslu učinilo Esperanto pokroky největší. Kongres obchodních spolků ve Francii rozhodl se obeslati V. světový kongres v Barceloně oficielním zástupcem; mnohé banky vydaly již chekové tiskopisy v Esperantu a v Londýně ustavena před nedávnem „Banka Esperantská".

Korespondence největších firem, cenníky a různá reklamní návěstí v Esperantu potvrzují praktický význam jeho ve stycích obchodních.

Největší středisko světového hnutí jest „Universala Esperanto-Asocio" se 400 zástupců pracujících ve všech zemích v oboru turistiky, obchodu, průmyslu atd.

Mnohé nové kongresy pořádané loňského roku přijaly Esperanto za řeč jednací pro příští schůze. Společnost mírová vypsala cenu za nejlepší práci o pacifismu, která může býti podána francouzsky, anglicky, německy nebo e s p e r a n t s k y.

Mnohoslibný začátek učiněn též v otázce zavedení Esperanta do škol. Ustavením zkušebních komisí v jednotlivých zemích a otevřením zvláštních kursů pro učitelstvo jest postaráno o dostatečný počet vyučovacích sil. Veřejné kursy podporují značnými obnosy přední korporace obchodní, městské rady atd. Specielnějšího užití doznalo Esperanto ve službách policejních, námořních a Červeného Kříže.

Esperanto jest dnes na postupu a nabylo již takového významu, že žádná moc nemůže je zastaviti: dochází uznání všude, kam již známost o něm se rozšířila.

## Z CELÉHO SVĚTA.

**V. Světový kongres Esperantistů** bude se pořádati ve dnech 5.—12. září 1909 v Barceloně. Od současného pořádání kongresu v Americe upuštěno.

**Universala Esperanto Asocio** vydává oficielní list „O f i c i a l a B u l t e n o" pro své delegáty a konsuly, v němž projednává otázky vnitřní organisace. — Byly vypsány ceny za nejlepší práce pojednávající o těchto thematech: nejlépe organisovaná esperantská kancelář (20 Sm), esp. průvodce (20 Sm), nejlepší návrh na rozšíření působnosti U. E. A. (10 Sm), zpráva o obchodu a průmyslu (10 Sm), jak může cizinec v 8 hodinách nejlépe prohlédnouti Londýn (10 Sm). Krom těchto odměn určeno 40 Sm nejlepším pracem, které však ceny nedostaly. — U. E. A. obdržela od německého velkoobchodníka Schwoba dar 5000 Sm (12.000 K), jímž založila nový odbor: vzduchoplavecký. V nejbližší době vypíše cenu pro vzduchoplavce, který vykoná cestu 30 km nad Belgií, Německem a Holandskem (Neŭtrala Moresnet). — Odbor obchodní a průmyslový žádá o sdělení adres osob, které byly zvoleny svými kluby, aby zastávaly místo konsulů pro obchod (adr.: Sindiko de komerca ĉambro Dr. M. Kandt, Bromberg, Germ.). — U. E. A. rozeslala všem klubům a svým konsulům zprávu o připravované mezinárodní výstavě umělecké, potravin a zdravotnictví v Bologni, pořádané v březnu a dubnu letošního roku. (Bližší zprávy podá A. Tellini, Bologna, Casella postale 12.)

**Société française pour la propagation de l' Esperanto** byla ustavena loňského roku na nových základech. Předsedou zvolen prof. Th. Cart, místopředs. Dr. Dor a Samuel Meyer, jednatelem Dr. Pierre Corret. V jednotlivých departementech sdružují se kluby

ve svazy. Časopisy určené propagaci Esperanta ve Francii: L'Etoile Espérantiste, Esperanto, Paris-Esperanto, Informilo, Sarta Stelo, Normanda Stelo, Lorena Esperantisto a Norda Gazeto. V Paříži a okolí bylo uspořádáno za loňský rok na 80 kursů. — V **Německu** bude pořádán letos národní kongres v Gothě. — V Drážďanech byl založen „**Saksa Esperanto Instituto**", pořádající přednášky a kursy o Esperantu; knihovna tohoto spolku, čítající přes 1000 svazků, umístěna jest v budově parlamentu. — Poslanec **Dr.** Zöphel pojednal ve 111. schůzi saského **zemského sněmu** o významu Esperanta a navrhl jeho zavedení do škol obchodních. — **Ministerstvo vévodství Koburg-Gotha** přijalo oficielně návrh, aby byly otevřeny nepovinné kursy Esperanta na obchodních a realných školách. — V S. Paulo byl v těchto dnech zahájen druhý **brazilský kongres esperantský.** Mezi řečníky jest též poslanec Madeiros e Albuquerque. — Na národní výstavě brazilské byla exposice esperantské literatury vyznamenána zlatou medailí. — V „**Zeměpisné společnosti francouzské**" přednášel 8. prosince 1908 v Paříži ing. Everardo Bakheuser, prof. na technice v Rio de Janeiru: „O Brazilii a její budoucnosti". Schůzi, jíž přítomno přes 600 posluchačů, zahájil brazilský ministr Gabriel de Piza. Přítomné uvítal prof. Carlo Bourlet, načež následovala přednáška proslovená — v **Esperantu.** — Ve Spojených Státech, kde existuje ve 28 zemích na 100 spolků, založeno ústředí esperantské pod názvem „**Esperanto Association of North America**", jehož předsedou zvolen plukovník Georg Hervey, red. revue „North American Review" z New-Yorku. Celé území rozděleno na 11 okresů, z nichž každý volí do výboru ústředí svého zástupce. — V departementu Nord ve Francii, kde vyučuje se již druhým rokem Esperantu na školách, povoleny inspektorem Minetem **zkoušky z Esperanta** žákům škol v Lille. Z přihlášených 377 žáků a žaček 358 s úspěchem prospělo. (Zkoušky nejsou povinné, avšak známka má vliv na celkový prospěch). Bližší zprávy sdělí F. Durieux, řed. školy „Montesquieu" v Lille. — **Doktorská dissertace o Esperantu** byla přijata 28. listopadu 1908 pařížskou lékařskou fakultou: „O možnosti a užitečnosti pomocného jazyka mezinárodního". Kandidát Pierre Corret byl uznán velmi způsobilým. Členové komise (prof. Bouchard, Chantemesse, Rénon a Balthazard) projevili Esperantu vřelé sympatie a rozhodli se zabývati se jeho studiem. Prof. Bouchard jest již přes rok předsedou spolku francouzských lékařů-Esperantistů. — Na programu letošního **vědeckého kongresu amerického** v Santiagu, pořádaného pod protektorátem chilské vlády, jest též otázka zavedení Esperanta pro styky mezinárodní. — V Paříži založen spolek „**Esperantista tipografiista amika Asocio**", jehož účelem jest propagace, navázání styků s cizinou a vypracování podrobné terminologie typografické. (Typografové zaměstnaní v pařížské tiskárně espe-

rantske „Presa Esperantista societo“ mluví spolu pouze esperantsky, neboť jsou příslušníky čtyř různých národů). Podrobnosti o svazu sdělí L. Carlos, Paris, 7, rue Rollin.

# ESPERANTA MOVADO INTER BOHEMOJ.

Liga jednotlivých českých Esperantistů v Předlitavsku „**Bohema Asocio Esperantista**“: Letošním rokem poskytuje svaz přátelům Esperanta vzdáleným středisek esperantských příležitost ku studiu tohoto jazyka založením **knihovny**, z níž možno vypůjčovati si knihy členům sídlícím kdekoliv v Předlitavsku. *Knihovní řád* obsahuje toto ustanovení: Knihy (2 ex.) půjčují se jen proti hražení výloh poštovních na dobu 14 dní. Při objednávce nutno přiložiti alespoň 10 hal. ve známkách (případný přebytek poštovného zaúčtuje se k objednávce příští) a udati řadové číslo dle uvedeného seznamu, který bude postupně oznamován v tomto časopise.

Č. 1. P. Fruictier: *Esperanta Sintakso* (80 str.);
č. 2. Goethe-Zamenhof: *Ifigenio en Taŭrido* (108 str.);
č. 3. Kabe: *Pola Antologio* (154 str.);
č. 4. Porchat-Borel: *Sub la neĝo* (144 str.);
č. 5. Kabe: *Unua Legolibro* (179 str.);
č. 6. Lingvo Internacia: *Malnovaj paĝoj* (88 str.);
č. 7. Orzeszko-Kabe: *La interrompita kanto* (79 str.);
č. 8. Reuter-Cefeč: *Kio povas okazi, se oni donacas surprize* (47 str.);
č. 9. Kabe: *Internacia krestomatio* (107 str.);
č. 10. Belmont: *Sonoj Esperantaj* (53 str.);
č. 11. Maréchal: *La tutmonda lernolibro por paroligi Esperanton*;
č. 12. de Amicis-R. Junek: *La floro de l' pasinto* (32 str.);
č. 13. Hertz-Runeberg: *Jolanto, la filino de l' reĝo René* (102 str.);
č. 14. Ahlberg: *Sveda Jarlibro Esperantista* (44 str.);
č. 15. Anton-Borel: *Esperanta-Germana Frazlibro de la ĉiutaga vivo* (64 str.).

Adresa **knihovny**: Red. Časopisu Českých Esperantistů“ Praha II. Dittrichova ul. 7. Členové Svazu, platící roční příspěvek 4 K, dostávají zdarma spolkový orgán „Časopis Českých Esperantistů“ a odznak. (Roční příspěvek 2 K platí členové, kteří nepřejí si dostávati časopis.) Veškeré dopisy pro „**Svaz Českých Esperantistů**“ buďtež adresovány: Praha I. 342. Kavárna „Union“.

Bohema Asocio Esperantista, ligo de izolaj Esperantistoj bohemaj en Aŭstrio, starigis por siaj membroj bibliotekon, kiu estas plenigota per la plej bonaj verkoj el nia literaturo. La membroj ricevas senpage oficialan organon „Časopis Českých Esperantistů“. Jara kotizajo 4 K (sen gazeto 2 K). Adreso: Praha I. 342. Kafejo „Union“.

Prezidanto: Ing. Č. Šalamon; sekretarioj: Ing. Jar. Špergl, Ing. Fr. Kühnl.

Esperantista Klubo en Praha: Tiu ĉi plej malnova centro de bohema movado esperanta gajnas preskaŭ ĉiutage novajn aliĝantojn. Kunvenoj de klubo estas vizitataj de multaj membroj, el kiuj plimulto flue parolas jam esperante: lastan kunvenon partoprenis 45 personoj. La biblioteko enhavas 333 librojn (inter ili la plenajn verkarojn de dr. Zamenhof kaj de Kabe kaj 26 gazetojn

abonatajn. Novaj numeroj de gazetoj estas tralegataj hejme de membroj, kiuj recenzas ilin poste en kunvenoj. Antaŭ la kunveno okazas ĉiun merkredon konversacia kurso, ĉe kiu oni legas proprajn laborojn, rakontas pri okazintajoj de la lasta tempo k. s. Membra kotizaĵo por tiu ĉi jaro estas fiksita je 4 K (ĝi rajtigas ricevadi senpage gazeton Ĉ. Ĉ. E.) aŭ 2 K (sen gazeto). Adreso: Esperantista Klubo en Praha I. 342. Kafeje „Union". (Kunvenoj okazas merkrede en restoracio „u Donátů"). — Studenta Rondeto Esp. en Praha instruas siajn membrojn pri Esperanto ĉiun dimanĉon (10—11 h) en speciala kunvenejo de kafejo „Union". La kursanoj povos disponi gazetojn esperantajn. Adreso: Praha I. 342. — Samloke kaj samtempe estas malfermita en speciala ĉambro kurso por studantoj de altaj lernejoj bohemaj (universitato kaj politekniko), kondukata de s-o M. U. St. L. Lustig. Nova klubo estos baldaŭ fondota.

Laborista klubo „Zamenhof" en Plzeň aranĝis la 9. de januaro amikan vesperkunvenon, kiun partoprenis multe da samideanoj. La klubo dankas por la bondeziraj leteroj tiuokaze ricevitaj. Post esperanta kaj bohema prologoj sekvis scenoj humoraj kaj libera amuzado. Je komenco de marto estos malfermita nova kurso. — Ĉ. Budějovice: Kunvenoj okazas regule ĉiun merkredon. La ĉeestantoj sekvas kun viva intereso ambaŭ kursojn. En lokaj gazetoj aperis artikoloj pri esp. movado de s-o F. K. Svačina. — Praskačka: En ĝenerala kunveno de esp. rondeto (11. I. 09) estis elektita kiel prezidanto s-o Vincenc Vinař, landa deputito kaj bienulo en Sedlice, vicprezidanto s-o Jos. Horák, vicprezidantino f-ino Boža Dolanských, abs. de Pöttingeum en Olomouc, sekr. s-o Jos. Jeřábek, instruisto, bibl. s-o Jos. Morávek. Kurso okazas ĉiun merkredon „u Dolanských". Nombro de aktivaj membroj: 23. — Rokycany: Kurso malfermita en lernejo la 20. nov. 1908 estas plilongigita je 9 instruaj horoj (lunde, sabate). Krom s-o Em. Baték el Osek instruis ankaŭ s-o dr. Hudský. Jam en la kvina kurshoro oni povis legi kaj traduki esperantan tekston: artikolon pri Bohemoj el 8., 9. n-oj de Ĉ. Ĉ. E. Aŭtoro de tiu ĉi artikolo, s-o Durieux en Lille, al kiu oni sendis salutan leteron, honorigis la kursanojn per simpatia respondo. Laŭ sciigo de s-o Em. Baték fondiĝos en Rokycany baldaŭ klubo. Ĉiuj kursanoj ekrilatis jam koresponde kun fremdlandaj Esperantistoj. En gazeto Žďár aperas regule raportoj pri la progresado de kursoj. La 19. X. 1908 salutis la grupanoj en Osek kaj Rokycany sekretarion de B. U. E., kiu vizitis ilin kun kelkaj samideanoj el Plzeň. — Mladá Boleslav: Nova kurso estis malfermita la 13. de januaro en knaba lernejo. Kunvenoj okazas regule ĉiun merkredon en gastejo de „Záložna". Lasta kunsido decidis aranĝi ĝeneralan kunvenon kiu pritraktus la regularon aprobotan. — Soběslav: Lasta ĝenerala kunveno, okazinta la 26. de decembro en gastejo „Národní hostinec", decidis ĉesigi la funkciadon de rondeto. Ĝiaj membroj loĝante dise en proksimaj urboj, klopodos fondi novajn centrojn, kiel ekz. en Tábor. Preparaj laboroj por fondi klubon en Soběslav estas komencitaj. En agronomia akademio en Tábor paroladis pri Esperanto la 14. XII. 1908 s-o R. E. Cikhart. — Trutnov: Kursoj multnombre vizitataj okazas de januaro dufoje en semajno. Oni studas rolojn por esperanta prezentado. — Hostomice: Generala kunveno nomis la 10. de januaro s-on Fr. Novák, por liaj meritoj pri fondo de klubo, honora membro. Kiel prezidanto estis elektita s-o F. Vinklhofer, faka instruisto; vic-

prezid. f-ino A. Mužíková, instruistino: sekr. s-o Vilém Křepelka, instruisto: membroj de komitato s-oj J. Halbhuber, F. Novák, V. Lenkvík, f-inoj M. Veselá, G. Barborková. Anstataŭantoj: F-ino R. Chýlová, s-o F. Kraus. Estis forsendita regularo por aprobo. La klubo havas jam 50 membrojn. — Český Brod: Al kurso baldaŭ malfermota estas enskribitaj 20 partoprenontoj. — **Klatovy:** Tie ĉi la plej juna membro de nia centra asocio B. U. E. „Klub Esperantistů en Klatovy" tre energie laboras por diskonigo de Esperanto. Estas preparata kurso malfermota en komerca akademio kaj, laŭ sciigoj en gazeto „Šumavan", ekspozicio esperanta:

Tiun ĉi jaron okazos granda regiona **ekspozicio** en Klatovy, kiu enhavos kiel specialan sekcion ekspozicion esperantan. Ĉiuj samideanoj bohemaj kaj fremdlandaj estas petataj subteni tiun ĉi gravan entreprenon per sendado (aŭ prutedonado) de gazetoj, libroj, komercaj katalogoj, afiŝoj, poŝtkartoj k. t. p. Ĉio estu adresata al s-o profesoro Aug. Pitlik en Klatovy.

Hradec Králové: La 10. de januaro parolis en la esperantista rondeto s-o K. Procházka, sekr. de B. U. E. La sama parolis pri Esperanto la 27. de decembro 1908 en N. Bydžov (en komercista societo „Československá Obchodnická Beseda") kaj la 2. de januaro en Č. Bělá (Občanská Beseda). — Vsetín: La 12. de januaro estis forsendita la regularo al landestrejo: post ĝia aprobo la societo aliĝos al B. U. E., kun kiu ĝi jam pli longe rilatadas. — Červený Kostelec: Intereson pri Esperanto vekis ĉi tie f-ino Julie Šupichova, kiu, instruante pri ĝi, gajnis jam multe da ĝiaj amikoj. Ĉiusemajne ŝi aranĝas konversaciajn kunvenojn, ĉe kiuj oni legas el „Unua Legolibro". — Třebíč: Pli multe ol 20 lernantoj vizitas la kurson de s-o ing. Eug. Vrbata, malfermitan je fino de pasinta jaro en stacidoma restoracio. Esperanto-Oficejo estis fondita en kafejo de s-o Novotný. En ĉirkaŭajo de Třebíč montriĝas tre granda intereso pri Esperanto, kio estos sendube instigo al fondo de novaj rondetoj. — Tišnov: De 1. novembro okazas du kursoj: la elementan vizitas 13 lernantoj (marde 7—8 h.: instruas s-o F. Bednář, katehisto ĉe burĝa lernejo); la superan vizitas 10 lernantoj (vendrede ½7—8 h.; instruas s-o Jos. Teplý, faka instruisto). Laŭ bezono anstataŭas la unuan s-o Fr. Smíšek, instruisto. — Střešovice: La membraro vizitas regule siajn kunvenojn. Plejparto aliĝis al societo de juna generacio. Estis decidite plenigi la bibliotekon per verkoj de dr. Zamenhof. — Kardašova Řečice: En lasta momento ricevas B. U. E. aliĝon de nova societo fondita en tiu ĉi urbo de unu el niaj malnovaj amikoj s-o M. U. C. L. Lustig, subdelegito de U. E. A.

# BIBLIOGRAFIO.

*Volante doni al niaj legantoj okazon perfektiĝi en Esperanto per kompara legado de dulingvaj tekstoj, ni publikigas en nia literatura aldono tradukon de la fama romano „Babička" de Božena Němcová, kies boheman originalon ĉiu nepre posedas. (Ni atentigas, ke la libro estas tradukita en lingvojn rusan, francan kaj germanan.) Fremdlandaj legantoj instruiĝos pri*

*kelkaj interesaj detalajoj koncerne boheman nacion, ĉar la verko traktas tre interese pri moroj kaj naciaj kutimoj en Bohemujo antaŭ cent jaroj, fariĝante sekve tre ŝatinda fonto folklora. Trovante Esperanton kiel lingvon plej perfektan por esprimi ĉiujn nuancojn de homa sento, ni esperas, ke la traduko povos sukcese konkuri kun tradukoj alilingvaj.* **Red.**

*Novaj gazetoj*:

F r a t e c o. Monata gazeto por propagando de Esperanto inter laboristoj eldonata de ĝenerala Esp. Laborista Klubo en Hago. Red. J. L. Bruijn. 170. Kepplerstraat. Holando. Jare: 45 Sd (en Belgujo kaj Holando 30 Sd).

L a E s p e r o. semajna angla ĵurnalo, kies lasta numero de ĉiu monato estas esperanta. Red.: Volta Briggs. 632. E. Grand. Ave., Des Moines, Jowa, U. S. A. (8 pĝ. 20 × 25). Jare (la esp. numeroj): 50 Sd.

L a H o l a n d a P i o n i r o, oficiala organo de la holanda societo esperantista „La Estonteco estas nia“. Red. kaj adm. J. de Haan, Binnen Bantammerstraat, 11. Amsterdam (32 pĝ. 16 × 24). Jare: Sm 1·50 (en fremdlando).

E s p e r a n t a G a z e t o, monata organo de la okcidenta esperantista societo. Red. Anselmo Morin kaj Dr. Ambrosio Vargas en Quadalajara, Ap. 115. México (4 pĝ. 34 × 48). Jare 75 Sd.

M ö l l e r & B o r e l, Berlin S. 95. Prinzenstr.:

***Esperantista Poŝkalendaro 1909.*** (154 pĝ.) Prezo 80 pf. (0·40 Sm). Praktika poŝlibro por ĉiu Esperantisto, enhavanta interalie la dataron. liston de projektoj de lingvo internacia, notojn pri nunjara kongresurbo Barcelona, artikolon pri esperanta stenografio, internacian monan tabelon, komparan tabelon de la sonoj en Esperanto kaj la ĉefaj naciaj lingvoj, nomaron de esperantaj gazetoj, liston de esperantaj konsulejoj, grupoj kaj hoteloj en tuta mondo. — „S a ĝ u l o“: ***Kiel ni plibeligos nian vivon.*** Originale verkita. (20 pĝ. 11 × 17). Prezo 50 pf. (0·25 Sm). Kolekto da bonaj kaj utilaj ideoj, kiu estas skizo por pli ampleksa verko. — J. J. P o r c h a t: ***Sub la neĝo,*** trad. J. Borel. Taglibro de juna loĝanto de la Jura montaro. (144 pĝ. 12 × 18). Prezo 1 M (0·50 Sm). Verko leginda pro sia bona stilo kaj pro sia interesa enhavo; ĝia franca originalo aperinta sub titolo „Trois mois sous la neige“ estis honorita per speciala rekompenco de la Franca Akademio kaj poste enkondukita kiel legolibro en popolajn lernejojn en Francujo. Ĝia valoro morala kaj literatura estas ŝatata de ĉiu leganto.

H a c h e t t e & C i e, Paris, Bd. st. Germain 79;

***La Psalmaro*** el la Biblio. El la originalo tradukis Dr. L. L. Z a m e n h o f. Kun antaŭparolo, klarigoj kaj notetoj pri la hebrea muziko de F. de Ménil. (165 pĝ. 15 × 20). Prezo Fr. 2·50 (1 Sm). — M o l i è r e: ***Georgo Dandin.*** Komedio en tri aktoj. El la franca

lingvo tradukis Dr. L. L. Zamenhof (51 pĝ. 15 × 20). Prezo Fr. 1·20 (0·48 Sm). Du altvaloraj fontoj de instruo por ni eliris el mano de nia Majstro. Mirinda estas la facileco kun kiu li skribas siajn verkojn tradukatajn ĉu el lingvoj franca, angla, rusa, germana kaj pola, ĉu el hebrea. La „Verkaro de Zamenhof" fariĝis jam kolekto unuaranga, kiun ĉiu klubo devus posedi. Ne estas bezone diri ion pri la tekstoj mem, ĉar ili estas sufiĉe konataj.

*Diversaj*:

Henriko Hertz: *Jolanto*, la filino de l' reĝo René. Laŭ la dana originalo esperantigis Hj. J. Runeberg (102 pĝ. 13 × 19). Prezo Fr. 1·25 (0·50 Sm). Ilarejo Esperantista, Helsingfors. — *Prozo el Danaj-Norvegaj aŭtoroj*. Tradukita de H. Th. Thomsen. Kolekto da 16 artikoloj (62 pĝ. 13 × 20). Prezo 1 Fr. (0·40 Sm). Esperanto-Forlaget. Kristiania, A. Höst & Sön. — W. Irving: *La Abatejo de Westminster*. Trad. J. C. O'Connor, Ph. Dr. M. A. (21 pĝ. 10 × 17). Prezo 3 d (13 Sd). En tola kovrilo 4 d. London, W. 17. S. Stephens Square, Bayswater. Gvidlibro esp. kun anglaj notoj. — Henryk Sienkiewicz. *La Juĝo de Oziris*. Trad. A. Grabowski (15 pĝ. 12 × 18). Prezo 20 kop. (20 Sd). — J. Duroux: *Internaciismo kaj Pacifismo*; trad. Ary-Bourg (12 pĝ. 14 × 22). Prezo 25 etm (10 Sd). St. Radegonde (J. & L.) Francujo. — Bernard Long: *Is Esperanto worth learning?* (61 pĝ. 9 × 12). Prezo 1 d (4 Sd). Higgie & Co Publishers. Rothesay, Scotland. (Bonega kaj tre riĉenhava propaganda broŝuro, kiu traktas pri ĉiuj pli gravaj temoj koncerne Esperanton. Prave ni povas ĝin kompari al niaj Ĉefeĉoj). — *La Dogmaro pri la vivo por la nova Jerusalemo*. El la latina lingvo de Emanuel Swedenborg (60 pĝ. 11 × 17). Prezo ? London, Bloomsbury street 1. The Swedenborg Society.

**KORESPONDANTOJ.** *1. S-o Marcel Karlo Ehm, 50. rue de la Tour d' Auvergne, *Paris IXe*. (p. k. kor. kun boh. gesamideanoj). — *2. S-o A. Vulquin, secrétaire d' Etat-Major à la 11e Division, *Nancy* (M. & M.) France dez. kor. per p. k. pri moroj kaj kutimoj. — *3. S-o Joannès Bonnet, Cours Fauriel 118. *St. Etienne* (L.) France (dez. kor.). — *4. S-o L. Rodo Pissarro, *Paris*, 14. rue Girardon (dez. int. oficialajn p. k. kaj ilustr. humorajn naciajn gazetojn. — *5. S-o F. Chaine, Bureau d' Hygiène, Mairie, *Avignon* (Vaucluse) France (p. k.). — *6. F-ino Berthe Burtine, *Alger*, str. Sainte 37 (il. k.). — *7. S-o Dr. C. W. Mays, School Rd. *Sheffield*. Anglujo. Dez. kor. pri poŝtmarkoj kaj aĉeti p. m. ĉiulandajn. Li pagos altan prezon. — *8. S-o R. Caillard. 3. rue Baron, *Paris*. Dez. kor. kun geesperantistoj per p. k. aŭ p. k. fotogr. Ĉiam tuj respondos (23-jara). — *9. S-o Johano Paira, Viamasague 41. *Sabadell*, Hispanujo (dez. ekrilati kun komercistoj kaj industriistoj. — *10—15. Em. *Göteborg*, Svedujo: S-o Vilhelm Pettersson. Ostra Skansgat. 12; s-o Alfred Johansson, Älfsborg n-o 1. Hissingsholm; s-o. J. Johansson, Frigansgatan 5; s-o Sven Almgren. Odensgat. 22: s-o Hj. Lynnander, Chalmersgat. 31; s-ino Alfhild Leijon, Bondegat. 4. (ĉiuj dez. kor. per il. k. pri kio ajn).

III. Jarkolekto (1909) de »Časopis Českých Esperantistů« enhavas **literaturan aldonon** 4-paĝan. La abonprezo restos neŝanĝita (por fremdlando Sm 1·50). Por Aŭstrio 3 K.

**Adreso:** Praha II. 2023. Dittrichova ul. 7. (Bohemujo).

ATENTIGO: Kiu sendos laŭ tiu ĉi adreso sian abonpagon antaŭ fino de februaro, ricevos 50% da rabato je unu ekzemplero de »Deveno kaj Historio de Esperanto« (30 hel. anstataŭ 60 hel.).

Eldonanto: Ed. Kühnl. — Presejo de K. Pitter, Praha.